VIIIa jaro. No 135 ⭑ Duonmonata ⭑ 5 Decembro 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| ABONO | DIREKTORO : | REKLAMO |
|---|---|---|
| Jara abono ...... 2,00 $ (5 fr. ») | HECTOR HODLER | Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd. |
| Luksa eldono ..... 2,50 $ (6 fr. 25) | | Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd |
| *La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.* | | Korespondado (1 enskribo) 20 Sd. |
| | | *Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.* |

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## Sindikatismo kaj Internaciismo

III

Ni antaŭe montris (1) la spontan kaj nerezisteblan formiĝon de tiuj laboristaj grupiĝoj kaj ilian konsiderindan forton ; ni nun devas montri, kiamaniere ili ĝin utiligas. Ni provu prezenti al ni, kion povas fari ne nur je la ekonomia sed ankaŭ je la politika vidpunkto, tiu organizaĵo de la tuta laboristaro. Se inter ĉiuj tiuj organismoj la interkonsento estus plena, se absoluta estus la disciplino, en neniu lando io povus okazi sen tio, ke oni atentu iliajn dezirojn. Ni tiam reirus al stato simila al tiu de la Mezepoko aŭ de la fino de la moderna tempo, kiam la tuta ekonomia vivado estis direktata de la korporacioj, kiam la gildo estis la « tirano », kiun devis obei ĉiu metiisto. Cetere al tia stato nin rekondukus la plena disvolvo de la sindikatismo, kaj ĝia potenco estus ankoraŭ verŝajne pli granda pro la reformoj plenumitaj en la publika vivo de unu jarcento. La politika reĝimo de la ŝtatoj fariĝis parlamenta. Pli kaj pli la publikaj aferoj estas direktataj kaj kontrolataj de la homoj elektitaj de la nacio. En siaj agoj la ŝtatistoj devas priatenti la aspirojn, justajn aŭ ne, moralajn aŭ ne, de la tuta loĝantaro. Organizita kaj disciplinita forto kiel la salajrita klaso ne plu kiel antaŭe lasas sin influi per la religiaj aŭ la patriotaj sentoj, sed aŭskultante ĉefe siajn klasajn interesojn, obeante nur al decidoj alprenitaj ĉe internaciaj kongresoj, tiu forto havas aŭtoritaton, kies postulojn oni ne povas antaŭvidi. Ili ĉiuokaze estus tutmondaj. Ni rimarku, ke tiuj organismoj disvolviĝis nur en la landoj de progresinta civilizacio, kien penetris la maŝinismo, kie pli granda estas la industria, financa kaj komerca koncentriĝo, kie treege dividata estas la laboro kaj pli granda la interdependeco de la profesioj. Sufiĉas se la laboristoj de iu fako sin detenas por ke la refrapo atingu ne nur la tutan landon, sed, malpli intense, la aliajn landojn. Se en Francujo la transportlaboristoj strikas, la vivo de la lando estas minacata, la nacio mem estas endanĝerigata. Se la anglaj ministoj strikas, ĉiuj nacioj suferas de tio, ĉar la kvalitoj de la angla karbo igas ĝin necesega al multaj industrioj de la tuta eŭropa kontinento, ĉar la anglaj komercaj ŝipoj transportas la plej multajn el la prilaboritaj produktaĵoj de la kontinento al la kolonioj, kaj la krudajn materiojn de la kolonioj al la kontinento. Oni ankaŭ ne devas fidi al la helpo de la najbaraj landoj por anstataŭi la momentan mankon de laboristoj en iu lando. Pro la ago de la sindikata organizaĵo, la ministoj de la aliaj centroj solidariĝas kun siaj anglaj kolegoj, rifuzas ĉiun pluan laboron, kontraŭstaras la forvendon de la provizoj kaj minacas ankaŭ striki, se oni volas ilin devigi al la laboro.

Sed la metodo ja ne estas unuforma kaj la interkonsento tute ne kompleta ĉu inter la organizaĵoj de diversaj landoj, ĉu inter la organizaĵoj de la diversaj profesioj. La interesoj de unuj estas similaj al la interesoj de la aliaj : ili ne estas samaj. De lando al lando la bezonoj varias kaj la kontraŭeco de la postuloj de la diversaj profesioj malhelpas la tutpotencon de la internacia sindikata organizaĵo. Plie, la rasaj diferencoj inter la laboristoj kaŭzas karakterizajn diferencojn, kiuj ankaŭ malhelpas kompletan unuecon. La diferencoj en la metodoj kaj la internaj malpacoj estas kaŭzataj pli de la multeco de la mentalecoj ol de profesiaj kontraŭstaroj aŭ de naciaj ekonomiaj cirkonstancoj. Efektive, en la agado en la historio de la naciaj organizoj, ni retrovas la ĝeneralajn, ankoraŭ nebone difinitajn karakterojn de la malsamaj popoloj, ĉe kiuj formiĝis tiuj grupiĝoj.

La Anglo, tre individuista, pacienca, praktika, obstina, konscia pri sia respondeco, pri la realaĵoj kaj eblaĵoj, fondis la unuajn sindikatojn. Tiujn rasajn karakterojn oni retrovas en la pli novaj usonaj laboristaj grupiĝoj. Tre frue la anglodevena laboristo sciis diferencigi la ekonomian kaj la

(1) Vidu *Esperanto* de 5 kaj 20 novembro.

politikan vivadon. Li konsciis, ke plenuminte siajn regnanajn devojn li restas aŭ ministo aŭ masono aŭ teksisto, kaj ke ĉiuj samprofesianoj, kia ajn estas ilia filozofia aŭ politika opinio, havas la saman intereson por grupiĝi. Iliaj *Trade Unions* aŭ sindikatoj ĉiam restis flanke de la politikaj bataloj. Ili evitis la perfortajn solvojn antaŭ ol ili elĉerpis ĉiujn pacajn traktadojn. Konsciaj pri sia rolo en la aferoj, ili, postulante siajn rajtojn, sciis agi tiel ke la industrio en kiu ili partoprenas ne tro suferu de la konfliktoj inter dungantoj kaj dungatoj. La angla laboristo sin konsideras pli kiel kunlaboranton ol kiel subulon; li sur egala kampo kun preskaŭ tiel granda kompetenteco rilatas kun sia mastro. Anglujo estas la klasika lando de la kolektivaj interkonsentoj.

La Germano, kun malpli vigla inteligento, sed ankaŭ pli prudenta kaj pli obstina, bezonis pli multe da tempo por akcepti la sindikatan ideon, sed kiam li ĝin alprenis, ĝi rapide disvolviĝis tra tuta Germanujo en ĉiuj profesioj. La disciplino kaj la unuformeco, je kiuj li kutimiĝis de la familio, la lernejo kaj la kazerno ĝis la laborejo, donas al tiuj laboristaj organizaĵoj potencan unuecon. Esence hierarkiema li estas pli obea al sia mastro kaj por la pliboniĝo de sia sorto li pli multe kalkulas je la personaj oferoj. Tial, la sindikatoj, kies kotizaĵoj estas tre regule pagataj, uzas la pli grandan parton de siaj monrimedoj por la organizo de helpo kontraŭ akcidento, nevalideco, malsano, senlaboreco aŭ morto. Lia propagando celas la disvolviĝon de la unuigo de liaj klopodoj.

La Franco, pli ofendiĝema, pli supraĵa, malpli pacienca, longe imagis, ke li povas ĉion atendi de la parlamento. La agado estis pli longe paralele kondukata sur la ekonomia kaj sur la politika kampo. La franca laboristo estas malpli konscia pri la realaĵoj; li estas malpli pozitiva. Li lasas sin konduki per ideo, ne zorgante pri la malfacilaĵoj de la realaĵo; li kredas, ke komplika situacio estas facile reformebla dank'al leĝaj tekstoj, kongresaj deziresprimoj kaj viglaj tagordoj de protesto.

La francaj sindikatoj, ĝenerale aliĝintaj al la Konfederacio de la Laboro, estas partianoj de la senpera agado, de la ĝenerala striko kaj de la sabotado (konscia laborfuŝado). La pli granda parto de iliaj monrimedoj estas dediĉataj ne por la asekurado sed por la daŭrigo de la strikoj. En tiu lando estas tre malfacile taksi la sindikatajn fortojn, ĉar la diversaj grupiĝoj konigas nek la etaton de siaj membroj nek sian financan situacion. Ili estas malfirmaj; la sindikatoj kreiĝas, mortas estas anstataŭataj de aliaj. Tiu politiko estas do tute malsama, kaj oni ne povas aserti, ke almenaŭ ĝis nun ĝiaj rezultatoj estis tre kontentigaj. Dum la angloj atingas, kion ili postulas, nur per minaco de la laborĉeso, la francoj, post longaj bataloj kontraŭ la mastraro, malofte atingas pozitivajn rezultatojn.

Al tiu rasa kaŭzo de la manko de unuformeco en la sindikata politiko oni devas aldoni la diversecon de la naciaj leĝaroj pri la rajto de asociiĝo kaj pri la ekonomia stato de la diversaj landoj. En Rusujo, ekzemple, la sindikatoj ne povas leĝe kreiĝi.

En tiaj kondiĉoj, oni facile komprenos, ke la unueco kaj disciplino de la naciaj grupiĝoj ne estas ankoraŭ kompletaj. Kiom da malfacilaĵoj por atingi, ke la saman politikon alprenu societoj havantaj malsamajn karakterojn. De la komencoj de la organizo, la franca tendenco aperis en la internaciajn kunvenojn kaj estis kontraŭstarata de la pli realista tendenco de la aliaj popoloj. La franca Konfederacio de la Laboro deziris, ke sur la programon de la konferencoj oni enskribu la plimallongigon de la labortago ĝis ok horoj, la antimilitarismon kaj la ĝeneralan strikon. Per granda plimulto tiuj proponoj estas rifuzitaj kaj ĝis 1909 la francaj delegitoj ne reaperis ĉe la konferencoj.

Tiu decido montras la deziron de la sindikatoj resti flanke de la politika agado; ili ja ne rezignas ĉiun partoprenon en ĝi, sed ili ne volas ĝin konsideri kiel ĉefan priokupon. Tiu organizo devas antaŭ ĉio esti profesia, klasa, ekonomia. Tiu politika neŭtraleco de la sindikato estas klare difinita de S-ro Niel, sekretario de la Laborborso de Montpellier: Ĉu ni estas reakciuloj aŭ revolucianoj, kreduloj aŭ nekreduloj socialistoj aŭ anarkistoj, patriotoj aŭ antipatriotoj, la mastraro, nin ĉiutage ekspluatante, ne diferencigas nin. Tiu egaleco en la profesia malfeliĉo, tiu senopinia mastra ekspluatado, naskas la sneopinian sindikatismon, kiu ebligos, ke atendante plenan reformon oni malpligrandigu tiun malbonon ».

Kiam la diverslandaj organizaĵoj interkonsentos sur la profesia ekonomia kampo, kiam ĉiuj tiuj internaciaj institucioj estos komplete organizitaj kaj en iliaj metodoj regos harmonio, tiam vere timinda estos la potenco de la laboristaro. Kiel povos rezisti apartaj registaroj kontraŭ la laboristaj reformoj, se la rilatoj inter la naciaj kaj profesiaj organizaĵoj estos tute firmaj?

Oni ne povas riproĉi la sindikatismon pro ĝia nuna manko de unueco. Nur lastatempe ĝi naskiĝis en la internacia vivo. La granda amaso de la laboristoj ne ankoraŭ konscias pri ĉiuj ĝiaj eblaĵoj. Ĝi tamen jam de nun estas potenca forto, kiun la registaroj devas konsideri ĉu en sia interna ĉu en sia ekstera politiko.

Je la komenco de la XX-a jarcento ni estas antaŭ movado, kiu forportas la homaron, antaŭ forto kontraŭ kiu vanaj aperas ĉiuj homaj klopodoj. Tiu forto nin iom post iom kondukas al universala organizo de la planedo; ĝi celas pligrandigon de sekureco kaj prospereco por la tuta homaro.

Albert Marinus, *trad. (1) A. R.*

(1) El *La Vie Internationale*, 4-a kajero 1912

## AL NIA LEGANTARO

Komence de nova Esperantista agadjaro, ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras la kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko « Esperantismo » speciale de la Delegitoj de U. E. A. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed komprenebl ni devos kelkafoje ilin resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al ĉiuj kunlaborantoj precizecon: ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), proksimuman nombron de ĉeestantoj ĉe kursoj aŭ paroladoj, la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj gazetoj oni sendu al ni, se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton. Plie, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al ni kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiu reklamo estas cetere tute utila. Senutile estas diri, ke ni poste danke ricevos raporton pri tiaj manifestadoj. Por esti enpresataj en la plej proksima n°, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevitaj de ni *antaŭ la 10. kaj 25. de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.* La Redakcio.

## GRAVA AVIZO

**Ni informas niajn Delegitojn kaj nian membraron, ke sekve de la ĝenerala voĉdonado, la membra kotizaĵo estas de nun fiksita je 1 spesmilo. Ĉar la administra jaro de U. E. A., komenciĝas la 1-an de novembro, tiu kotizaĵo estas de nun repagebla. Oni estas petata pagi la kotizaĵon al la regiona Delegito, aŭ, se ne estas, al la Centra Oficejo de U. E. A.**

**La Esperantiaj Entreprenoj pagas kotizaĵon da 5 Sm. Pagante ĝin antaŭ la 15 Decembro ili estos ankoraŭ anoncataj sur la Jarlibro de 1913.**

**La Esperantiaj Entreprenoj, kiuj havas karakteron de Esperanta organizaĵo (Esperantistaj propagandaj aŭ fakaj societoj) pagas kotizaĵon da 3 Sm. Ili estas anoncataj sur la Jarlibro kaj senpage ricevas nian gazeton.**

# SOCIA VIVO

GEOGRAFIO

## Siberiaj vilaĝoj

I

Fine de januaro mi faris malgrandan veturon laŭ la rivero Tomj, je 200 kilometroj kaj pli de la urbo Tomsk, por viziti unu el tiuj en Siberio multnombraj ursaj anguloj, pri kiuj oni tri malofte ion aŭdas. Tamen, atentinda estas tiu angulo. Riĉege provizita de la naturo por la ekonomia evoluo kaj bonstato de la loĝantaro, tiu regiono estas kovrata per tia densa nebulego, tra kiu penetras nenia radio de klereco. La loĝantaro estas malriĉa, malklera, kaj post la konstruo de la fervojo, kiu trairas tiun regionon de okcidento orienten, al ĉiuj antaŭaj malfeliĉoj aldoniĝis nova ankoraŭ pli malbona : la plena difektado de l'moroj de la malproksima antaŭe forgesita vilaĝo. la detruo de la malnovaj fundamentoj de la kutima materia stato. La leganto komprenos tiun konkludon, se li bonvolas kune kun mi « promeni », ne timante la mallarĝan vojon inter la profundaj neĝomontoj.

Nia vojo kuŝis sur la dekstra flanko de rivero Tomj, jen alproksimiĝante, jen deflankiĝante. Je tridekkilometra distanco de Tomsk, tiu regiono estas dense loĝata, kaj grandaj vilaĝoj ofte renkontiĝas sur la vojo. Ilia proksimeco de granda urbo kaj fervojo kaŭzas ilian pligrandiĝon. Al la urbo ili liveras fojnon, lignaĵon, produktaĵojn de lakto, ĝardenlegomojn, diversajn familiajn laboraĵojn. Terkulturo — malpli profitodona — staras en dua vico. La konstanta interrilatiĝo kun la urbo stampas siaspece la vilaĝon. Mankas la komforto, la mastrumo kaj la vestaĵoj estas senordaj, la vestoj miksaj kaj senstilaj, la parolmaniero estas vigla kaj eĉ aroganta, la laboro estas tro ŝatata, aperas la akiremeco kiu amikiĝas kun trompemeco. Unuvorte tio ĉi jam ne estas la vilaĝo, sed ankaŭ ne estas urbparto, kiu ŝatas la kulturon. Jen, ekzemple, *Petuhovo*, ĉirkaŭata per cedraro, pentrinde lokita sur la monto kun malsupre la valo de rivereto Basandajka. Jam de longa tempo ĝiaj vilaĝanoj manfabrikas la betulŝelajn manĝovazojn, la lignajn seĝojn, kaj rikoltas cedronuksojn kaj frambojn. La proksimeco de la fervoja linio, la starigo de stacidometo faris el Petuhovo somerrestejon por Tomskanoj ; jam nun alveturas tien ĉi el Tomsk dudek familioj kaj baldaŭ multaj urbanoj loĝados tie. La plej proksimaj vilaĝoj liveras al la urbo lignaĵon, fojnon kaj mastrumproduktaĵojn ; kelkaj, kiel ekz. Voronova, preparas gudron, betulŝelon por la Petuhovaj metiistoj kaj edukas abelojn.

Pli molproksime, supre laŭ rivero *Tomj*, la influo de la urbo ekmalfortiĝas ; tamen la ligo inter la urbo kaj la vilaĝoj daŭras, ĉar oni veturigas fojnon, lignaĵon kaj aliajn produktaĵojn al la urbo. Pli supre (laŭ rivero *Tomj*) de vilaĝo *Jar* kaj flanke de ĝi je 20-30 km., profunde en la « tajga » jam komenciĝas la preskaŭ senhoma tero kaj densa arbarego ; tie tute malaperas la influo de la granda urbo. Sur montetoj, kovrataj per densegaj cedraroj, kaŝiĝas senorde dismetitaj malriĉaj vilaĝetoj, kies ĉefa okupo estas terkulturo kaj negranda mastrumo. Sed malgraŭ bonaj rikoltoj kaj la ebleco pligrandigi la rikoltejojn kaj bruteduki, la loĝantaro vivas malriĉe kaj neniel deziras eliri el la kutima malnova mastrumado. Ĝi stultindiferente rilatas al la plibonigo de sia materia bonstato, kaj havas nenian ideon pri la satiĝo de siaj spiritaj interesoj. En ilia regiono fluas rivereto *Sosnovka*, kiu ĝis duono de junio estas tiel multakva, ke ĝi rompas la komunikojn inter granda vico de vilaĝoj, sed, se estas granda bezono, la veturiloj ŝarĝitaj transpasas *naĝe* la riveron, la ŝarĝaĵo malsekiĝas, difektiĝas, eĉ dronas, la ĉaroj rompiĝas, la ĉevaloj kripliĝas, iafoje la vilaĝanoj tute rifuzas transveturi ĝin, sed... neniu pensos aranĝi ian transnaĝilon, nek boaton, nek pramon, nek ponton, ĉar tiel estas jam de longe. Se bezone estas ion aĉeti por mastrumo aŭ por pagi la impostojn, la vilaĝanoj vendas ĉaron da greno aŭ la bovinon — kaj nenion plu ! Antaŭ unu jaro, la registaro subite postulis la pagon de la amasigitaj impostoj. La vilaĝanoj indiferente rigardis, kiel oni deprenis de ili la samovarojn, la kusenojn, la bovinojn, kiuj tie ĉi kaj tie estis venditaj al « pugnistoj » (1) po duono kaj eĉ triono de ilia kosto (la samovaroj po 5 Sm., la bovinoj po 10 Sm., k. t. p.) kaj eĉ ili estis kontentaj, ke la tuta afero pasis trankvile. En tia angulo malmultaj scias legi ; vi tie renkontas nek librojn, nek broŝurojn. La « liberiga movado » kiu en la antaŭaj jaroj ekskuis la tutan regnon, ne atingis tiun angulon. Tie ĉi oni nenion scias pri Regna Duma, nenion aŭdis pri diversaj okazintaĵoj en Rusujo ; nenio ekster la vilaĝo ilin interesas. Vere, ekzistas ie en vilaĝoj eklezaj lernejoj, sed ili estas mizeraj, en netolereblaj loĝejoj, ofte senigitaj je hejto kaj sen instruiloj ; la malfeliĉaj instruistinoj ricevas 12 Sm. monate (2), kaj batalas jen kun la pastraro, jen kun la vilaĝanoj pro manko de hejto. Ili estas veraj heroinoj sen heroaĵoj, suferantinoj sen ia rezultato de siaj oferoj.

La cedraroj estas esence la granda fonto de profito. La vilaĝano diras, ke nukso ne estas pano, ĝin « Dio donis » kaj tial ke la nuksrikolto « falis el la ĉielo » li ne ŝparas la monon gajnitan el la nuksvendo kaj preskaŭ tute drinkas ĝin. En registaraj brandvendejoj, dum la nuksrikolto kaj eĉ antaŭe, la vendado rimarkeble pligrandiĝas. El tiu mono profitas ankaŭ multaj alveturintaj kaj lokaj « pugnistoj ». Se la vilaĝano rimarkas, ke la rikolto estos bona, li antaŭ la rikoltado penas ĝin vendi al iu marĉandisto, antaŭprenante de li monon por aĉeti brandon. La marĉandisto uzas la okazon kaj aĉetas la nuksaron profite por si mem. La nelonga periodo de postdrinka stato rapide forpasas kiel sonĝo, kaj la mujiko restas en la sama antaŭa mizero.

(*Daŭrigota.*) Trad. Pastro Seriŝev,
(Del. Krasnij Jar.).

IDEOJ & FAKTOJ

## Kooperativaj libertempaj Societoj

La nuna vivo en niaj urboj estas ĉiutage pli laciga. La aero kiun ni spiras estas nepura, la nutrado malsaniga, la ripozo nesufiĉa ; niaj nervoj estas streĉitaj per akraj bruoj, krudaj lumoj. De la matenleviĝo ĝis la vesperenlitiĝo ni kuras, ni estas en febra atmosfero. Estus necese reiri kelkfoje al la trankvila kamparo. Sed ĝis la lastaj jaroj nur riĉuloj povis iri al la marbordo, aŭ supreniri la montojn ; nur kelkaj feliĉuloj bavantaj familion en vilaĝo povis sendi siajn infanojn kaj iri kelkajn tagojn ekster la urboj.

Sed ĉio evoluas ; la bezono kreas la organon.

Nun la kutimo por laboristoj havi jaran libertempon pligrandiĝas. Verdire la plej multaj ne povis ĝin uzi : la vojaĝkosto estas granda, la vivo en hoteloj neebla. Kion fari ? Du neriĉaj francaj virinoj de longe pripensis tion. Kun amikoj ili fondis libertempan societon : la « Suna Radio » luis en marurbo ĉe la Atlantiko grandan domon eksmonaĥejon organizis komunajn dormĉambrojn por fraŭloj kaj apartajn ĉambrojn por geedzoj, kuirejon kaj grandan manĝoĉambron. En laborista gazeto aperis la jena anonco : « Por 1 Sm. tage kaj

(1) Tiel oni nomas riĉajn mujikojn, kiuj marĉandas en vilaĝoj, malmultekoste aĉetas de la mujikoj ilian havaĵon kaj vendante al ili diversajn komercaĵojn aŭ donante monon prunte je altaj procentoj. (Rim. de la trad.).

(2) Tio estis en 1908. Nun la afero pliboniĝis. (Rim. de la trad.).

la vojaĝkosto malpligrandigita se oni vojaĝas kune oni povas pasigi libertempon apud la marbordo ! ». Oni devis nur pagi antaŭ la foriro la tutan koston unufoje aŭ laŭvole monate aŭ eĉ semajne kiel kotizaĵon por la personoj ne povantaj ŝpari la tutan sumon. Oni fiksis nenian specialan kondiĉon pri religio, nacieco, sekso, sed oni devis esti laboristo. Ĉiu devis alporti sian liton kaj tablotukon. Oni ricevis maten-tag-kaj vespermanĝon komfortajn. Kiom da feliĉuloj faris tiuj du virinoj. Sed inter ili estis kamaradoj kiuj ne volis esti profitemuloj ĉar la taga spesmilo ne sufiĉis por pagi la luprezon kaj la aĉeton de la neluksa sed tamen necesa meblaro, kaj grandega estis la laboro de la du estrinoj kiuj tute sin okupis pri la administro, la vojaĝo, loĝado, nutrado, k. t. p. dum 3 monatoj.

Do, tiuj kamaradoj starigis sur kooperativa fundamento novan societon « Naturo por ĉiuj ». Ĉiuj anoj devis mendi unu akcion da 10 Sm. La societo konstruis en sama urbo Kooperativ-restoracion; en la manĝoĉambro povas ĉeesti pli ol 200 personoj. Oni luis ĉe la urbanoj ĉambrojn por la societanoj de kiuj oni postulas 1 Sm., tage dum julio kaj septembro kaj 1,20 Sm., dum aŭgusto. Por tiu sumo ili ricevas loĝadon kaj tri bonajn kaj tre sufiĉajn manĝojn.

Ĝenerale la daŭro de la libertempo estas du semajnoj; la instruistoj rajtas du monatojn. Dum la restado oni estas tute libera fari kion oni volas; la sola devo estas kune manĝi je preciza horo ; la malfruuloj estas salutataj per malaprobaj krioj aŭ murmuroj ! Oni organizas laŭvole kolektivajn promenadojn, ekskursojn eĉ malproksimajn ĉe tiaj opaj vojaĝoj la kostoj estas multe malpligrandigataj, ĉar oni havas rabaton por ĉiuj elspezoj. Iam ni faris bonan vespermanĝon, kiu esti pagita nur per la rabatoj kiujn ni havis dum la ekskurstago.

Ĉiusemajne okazas festo, koncerto. La artistoj estas bonvolemaj societanoj ; ĉiuj helpas al la komuna ĝojo. La vidaĵo de niaj komunaj manĝoj estas tre ĝojiga. Pripensu : laboristoj, kelkaj por la unua fojo kvankam nejunaj havas libertempon, manĝas sen la ideo rapide iri al la laborejo, virinoj estas feliĉaj ne kuiri la manĝaĵon kaj ne purigi la teleraron, infanoj ludi la tutan tagon apud la maro !

Kiel mirigitaj estis iliaj okuloj kiam post la nokto en la vagonaro ili tra la vagonfenestro vidas la maron je la unua fojo. Ĉu ĝi estas simila al tio, kion ili pensis pro la klarigoj kiujn ili ricevis en la lernejo ?

Tiu societo havas nun tri sidejojn ĉe la atlantiko kaj unu ĉe la Manĉo ; alian sur la Alpaj montoj. Dank'al ĝiaj zorgoj miloj da laboristoj povis ĝui kelkajn verajn libertagojn inter amikoj en frata aero, kvankam ili estas de tiel malsimilaj situacioj, religioj, naciecoj, sed ĉiuj laboristoj kaj kooperativistoj

Nun en Francujo estas multaj similaj societoj. Ĉiujare kreskas novaj, kiuj per la faktoj venke respondas la asertojn de la konservativaj homoj : Se laboristoj ne laboras, ili fariĝas trinkemuloj. Tute ne ; nun la sufiĉe edukitaj laboristoj diras :

« Ni volas nian parton de rozoj » devizo de la societo : Naturo por Ĉiuj. E. Souchay (*Laborkonsulo, Paris*).

. .

En antaŭaj n-roj ni studis la demandon pri la ĝardenurboj, laŭ korespondaĵoj ricevitaj el diversaj landoj. Ni nun volonte publikigos dokumentitajn artikolojn koncerne la stato de la demando pri faciligo de libertempo al laboristoj en la diversaj landoj. La interesa artikolo de nia kunlaboranto Souchay eble instigos aliajn samideanojn konigi al ni tion, kio okazas pri tio en ilia propra lando. (Red.).

## La malplinombriĝo de la naskoj en diversaj landoj

Konate estas, ke en Francujo oni jam de longe plendas pri la malmulteco de la naskoj. Sekve de kio la loĝantaro nur malrapide kreskas, iafoje ne kreskas aŭ en iuj jaroj eĉ iomete malkreskas. La patriotoj pro tio tre malĝojas, ĉar ili timas, ke ilia patrujo fine pro troa malmulteco de loĝantaro povus perdi la karakteron de unuaranga nacio. Ĉiuj ĝis nun aplikitaj rimedoj por kontraŭbatali la pretenditan malbonon nenion efikis. Jam antaŭ kelke da tempo mi legis en la ĵurnaloj, ke nun ankaŭ en Germanujo oni ekrimarkis malgrandan malkreskon de la nombro da naskoj. Kvankam la loĝantaro de tiu lando ankoraŭ sufiĉe kaj kontentige pliiĝis, oni tamen iom maltrankviliĝis pro la rimarkita fenomeno kaj oni ektimis, ke ankaŭ en Germanujo la konstanta plimultiĝo de la popolo povas ĉesi, kiel ĝi jam de longaj jaroj ĉesis en Francujo. Kaj mi legis, ke la germana registaro intencas okazigi oficialan enketon pri la kaŭzoj (1). Mi estas tre scivola pri la rezultato de la enketo, ĉar la burokratio estas kapabla konkludi ke malplinombriĝo de naskiĝoj estas kaŭzita de malplinombriĝo de naskoj. Sed ŝerco flanken; mi estas preskaŭ tute certa, ke la enketontoj (aŭ eble jam enketantoj) ne havas eĉ plej malgrandan komprenon pri la veraj kaŭzoj de la fenomeno ; mi estas konvinkita, ke ili trovos kiel kaŭzojn ĉiuspecajn flankaĵojn kaj proponos diversspecajn kontraŭrimedojn, kiuj tiom efikos, kiom en Francujo, t. e. neniom. Mi provos en tiu ĉi artikolo por la legantoj levi anguleton de la vualo, kiu kovras la misteron.

Estas unu afero, kiu jam de longe min tre mirigas. Ĝi estas la fakto, ke oni rigardas kiel tute naturan aperon la ĉiaman kreskadon de la loĝantaro de niaj landoj Se tiu ĉi ĉiama plimultiĝo senfine daŭrus, en tia okazo fine la tuta lando estus kovrita de dense kunpremita homamaso. Tio kompreneble estas neeblaĵo, kaj el tiu simpla konsidero oni jam povas konkludi, ke nepre devos veni momento, kiam la plimultiĝo ĉesas. Estas nur la demando, kiam venos tiu momento. Sed pri tiu neprajo preskaŭ neniu pensas; la konstanta plimultiĝo estas afero tiel kutima, ke oni tuj miras kaj maltrankviliĝas, kiam ekaperas la unua simptomo de ĝia komenciĝanta ĉeso ; kontraŭe oni devus miri, ke en multaj landoj la ĉiama kresko ankoraŭ povas daŭri. Oni devus miri, se oni foje pripensus, ke la konstante plimultiĝanta popolo bezonas ĉiam pli kaj pli da nutraĵo. Kaj estas ja ĝenerale konata fakto, ke multaj eŭropaj landoj havas loĝantaron tiel grandan, ke la propra tero jam de longe ne plu povas nutri ĉiujn landanojn. Ĉu oni ne devas miri, ke malgraŭ tio tamen la loĝantaro de tiuj landoj ankoraŭ ĉiam kreskas ? Jes sendube, sed mirige, oni ne miras ; kontraŭe oni miras, se la kresko iun jaron montriĝas iom malpli granda ol antaŭe. La fakto, ke Germanujo, Anglujo, Francujo, Belgujo, Nederlando kaj tiom da aliaj landoj ne povas nutri sian popolon sole per la produktoj de sia propra tero, estas io nenatura, estas stato arta. Por la intencita enketo oni devas unue esplori kaŭze de kio povas ekzisti tia nenatura arta stato.

Por certa nombro da homoj estas bezona difinita kvanto da nutraĵo proporcia al tiu mombro da homoj. Returne do egala kvanto da nuraĵo povas nutri certan egalan nombron da personoj. La ĉiujara produktado de nutraĵoj de niaj landoj montras nur malgrandajn balanciĝojn ; por la praktiko oni povas kalkuli ke la produktado de jaro al jaro estas konstanta. La nombro da personoj, kiuj povas esti nutrataj de la proprateraj nutraĵaj produktoj de niaj landoj, estas do sufiĉe konstanta ; oni povus nomi ĝin la *normala loĝantaro*. Tiu ĉi normala loĝantaro do estas tute proporcia al la produkta kapableco de la terareo de la lando kaj konstante egalgranda. Se la popolo kreskas super tiu nombro, oni nepre devas importi nutraĵon por la plia parto de la loĝantoj, kiun parton oni povus nomi la *kromloĝantaro*. De nun ĉiu plimultiĝo de la loĝantaro do signifas plimultiĝon de la kromloĝantaro. Importado de nutraĵoj okazas gran-

(1) Same en Francujo (Red).

daskale en multaj el niaj eŭropaj landoj, kies loĝantaron oni do povas dividi en du partojn: la normala loĝantaro kiu konsumas la propratere produktitajn nutrajojn kaj kiu restas egalnombra kaj la kromloĝantaro kiu konsumas la importitajn nutrajojn kaj kies nombro povas balanciĝi. Oni nun facile komprenas: 1· ke en ia lando ne povas ekzisti kromloĝantaro se ekzistas neebleco importi nutrajon; 2· ke la kromloĝantaro (kaj per ĝi la tuta loĝantaro) povas esti des pli granda, ju pli granda estas la importo de nutrajo; 3· ke plimultiĝo de kromloĝantaro necesigas pligrandiĝon de importo sed ankaŭ ke returne pligrandiĝo de importo ebligas kaj kaŭzas plimultiĝon de kromloĝantaro. Ekzistas tre intima rilato inter la loĝantara nombreco de niaj landoj kaj la importado de nutrajoj, kaj la ĉiujara kreskado de la loĝantaro en diversaj landoj devas esti akompanata de samproporcia kreskado de importado de nutrajoj. Se en ia lando la importado kreskas, tiam ankaŭ kreskas la loĝantaro; se la importado en la daŭro de iu jaro ne superas la antaŭjaran, tiam la loĝantaro ankaŭ ne povas superi la antaŭjaran; se la importado komencas malkreski tiam la loĝantaro ankaŭ devas malkreski kaj se en ia lando la importado de nutrajoj tute ĉesus, tiam la kromloĝantaro estus reduktata en la nun egalrestanta normalloĝantaro.

La importita nutrajo kompreneble estas eksportita el aliaj regionoj, kaj la importo povas kreski tiel longe, kiel tiuj regionoj kapablas pligrandiĝi sian eksporton. En la momento, kiam la eksportkapableco de tiuj regionoj atingas sian maksimumon, en tiu sama momento ankaŭ la importo en la eŭropaj landoj atingos sian maksimumon kaj jam ne povos pligrandiĝi, kaj en tiu sama momento do la loĝantaro de la eŭropaj landoj ne plu povos plimultiĝi. Se estas vere ke oni ne povas fiksi precizan daton de tiu okazontajo, oni povas tamen teorie antaŭdiri ĝin kun absoluta certeco.

*(Daŭrigota).* H. C. Mees *(Hago).*

## La ligo kontraŭ la Blanka Sklaveco kaj la helprolo de Esperanto

De la 21. ĝis la 24 Oktobro okazis en Bruselo, ĉe la Gotika Halo Ravenstein la Internacia Konferenco de la diverslandaj ligoj, starigitaj por militi kontraŭ tiu malnobla komercaĉo nomata, angle *White Slavery*, kaj france la *Traite des Blanches* (komerco el la junulinoj). La celo de tiu konferenco, ĉar kongreso ĝi ne estis, estis prepari diversajn demandojn prezentotajn al la ekzameno de la granda Internacia Kongreso, kiu kunvenos en Londono dum 1913. Sekve, oni ne voĉdonis por esprimi dezirojn, oni nur decidis, ĉu jes ĉu ne, tiu aŭ tiu ĉi demando meritis, ke oni metu ĝin sur la tagordon de la venonta kongreso. La konferenco estis tamen sufiĉe grava, kaj 20 diversaj landoj sendis delegitojn, kiuj konsistas el personoj, kies nomoj estas plej konataj pro ilia sindona laboro por tiu nobla kaj homama movado. Sufiĉas nomi « primus inter pares » S-ron E. Coote el Londono, Mgr Vales Tailde el Madrid, Reo Hunter Boyd el Kanada, S-ron de Graaf el Nederlando, S-ron Dérujinsky el Rusujo, S-ron de Meuron kaj la Baroninon de Montenach el Svisujo, Mgr Muller Simonis el Elsass-Lorraine, ktp., por konstatigi ke la kunveno estis vere eminenta.

Ĉar la konferenco estis invitita de la Belga Ligo de « defendo kontraŭ la komerco de la blankulinoj » la estraro de la kunvenoj konsistis el la membroj de la belga komitato. Pro la tre bedaŭrinda morto de tiu granda maljunulo, kiu estis S-ro Bernaert, oni elektis por anstataŭi lin S-ron H. Carton de Wiart belgan ministron de la Justeco. La tuta komitato konsistis el 14 gemembroj. Ni estas feliĉaj aldoni, ke du el ili estas esperantistoj nome F-ino Moreau, konsulino de U. E. A., kaj Abato Richardson, delegito de U. E. A. kaj Vic-Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista.

Estus tro postuli de la Oficiala organo de U. E. A., ke ĝi presigu plenan raporton pri la Konferenco. Ĝi daŭris dum 4 tagoj kaj konsistis el du laborkunvenoj ĉiutage, ĉiu kunveno daŭris almenaŭ du kaj duono horojn. Tamen la punkto, kiu precipe interesas Esperantistojn, estas la agado de la internacia Policanaro. La Konferenco ĝuis la ĉeeston de S-ro Lépine la mondfama Prefekto de la Pariza Polico kaj S-ro Gonne la lerta kaj sindona « Direktoro de la Sekreta Polico » de Belgujo, kaj ankaŭ aliaj eminentaj Policestroj. Oni baldaŭ konstatis, ke la granda manko estis: intimaj kaj ĉiutagaj rilatoj inter la Policoj de la diversaj nacioj. Unuvorte ekzistas, ja, *naciaj* policanoj, ne ankoraŭ ekzistas Internacia Policanaro, kaj tia idealo ne povus ekzisti sen la helpo de Internacia lingvo.

Sed antaŭ ol paroli rekte pri la polico, diru ni kelkajn vortojn pri la konferenco je la vidpunkto de internacia kunveno. Same kiel ĉe ĉiu internacia kongreso, la ĉeestanta Esperantisto, senvole komparis tion, kion li vidas ĉirkaŭ si, kun unu el niaj fakaj internaciaj kongresoj. Li komparas la facilajon, la simplecon de tiuj lastaj kun la malfacilajoj, la komplikeco kaj la terura tempoperdo de la unuaj. Parolu ni pri nia Brusela Konferenco. La ĉeestantoj estis iom pli ol 200, parolantaj eble per 14 aŭ 15 diversaj lingvoj. La oratoroj povis paroli nur France, Angle kaj Germane. Mi opinias post zorga enketo, ke eble 120 komprenis la francan lingvon, eble 40 komprenis la anglan lingvon kaj estas tre dube, ĉu 15 komprenis bone la Germanan lingvon. Nur kelkaj georatoroj parolis Angle aŭ Germane; la plimulto parolis France, sed, krom kelkaj esceptoj, la ne francoj parolis malbone, kaj kelkfoje estis malfacile ilin kompreni. Nun, kion oni faris? Post ĉiu parolado Angla aŭ Germana oni tradukis resumon per la franca lingvo. Sed, ĉar multaj ne komprenis tiun lingvon, la traduko ne pli utilis ol la parolado. Ekzemple, anglo je mia flanko, diris al mi: « de la Germana parolado mi komprenis nenion. Kial oni ne tradukis anglen? » Mi kompreneble komparis tion kun la 3a Katolika Kongreso en Budapest kiun mi ĉeestis antaŭ du monatoj. Tie 200 kongresanoj el 17 diversaj landoj parolis ĉiuj nur per unu lingvo; kaj ili parolis tiel facile tiel nature, kvazaŭ ĉiu parolus patran lingvon. Jen la penso kiu plenigis mian animon dum tiuj kvar tagoj.

Sed ni revenu al la Policanaro. Nia belga Komitato petis ke ni zorge ekzamenu, ĉu eble ni ne povus prezenti al la Konferenco kelkajn proponojn kiuj meritus esti metataj sur la tagordon de la estonta Londona Kongreso? Mi sciis, ke mia kunkomitatanino F-ino Moreau intencis diri vorton pri la helpo de la Konsulinoj de U. E. A. por la nobla celo de la Ligo, mi do pensis, ke la momento estus taŭga por altiri la atenton de la Konferenco al la utilega « Internacia Policasocio » starigita en la Pariza Prefektejo kun la plena aprobo de la Prefekto S-ro Lépine, mi diris, ke nuntempe ne ekzistas internacia Policanaro. Estus eble pli ĝuste diri, ke eĉ la ideo de tia internacia policanaro neniam ĝis nun ŝajnis ebla eĉ al la plej fervora kosmopolitisto. Tamen sufiĉus nur iom da konsidero por kompreni, ke tia Asocio estus nur la logika korolario de la vera ideo pri la homa frateco. Efektive, ĉe bona homa societo kio devus esti la nura celo de la Polico? Tiu celo devus esti: protekti la societon kontraŭ la malbonuloj; ĝi ne devus esti politika, aŭ eĉ nur nacia aro. Ĝi devas ĝui la estimon de ĉiu honestulo, kaj kaŭzi la malamon kaj la tre bonan timon nur de la malbonuloj, la malamikoj de la homa societo. Sed, tiel konsiderate, se la diversaj civilizitaj nacioj devas esti unuigitaj por kune labori al komuna bono de la homaro, ĉu la policoj de la diversaj landoj ne devus havi intimajn kaj konstantajn interrilatojn, kaj fine iĝi, ne nome, sed efektive, unu granda internacia societo, reprezentanta preskaŭ ne venkeblan protektan forton por helpi la honestecon, kontraŭ la agado de la malvirtuloj de ĉiuj landoj? Ni konsideru la fortecon de tia inter-

nacia agado por protekti la junulinojn en ĉiuj landoj kontraŭ la malnobla kaj kruela komercaĉo, kiun ni nun pritraktas. Preskaŭ ĉiu el la oratoroj de nia konferenco aludis la neceson de la rapidega agado de la Polico, ĉu por averti ĝustatempe la viktimojn, ĉu por aresti la krimulojn. Sed memoru ni, ke la viktimoj alvenas el la landoj la plej diversaj, kaj ke multe da bonvolo, sed preskaŭ neniaj interrilatoj unuigas la policojn de tiuj diversaj landoj. Ĉu estas mirinde, se la Ligoj kontraŭ la blanka sklaveco sukcesas savi apenaŭ sep po cento el la senkulpaj viktimoj?

Mi do skribis al nia estimata amiko S-ro E. Tison, sekretario de la Internacia Policasocio ĉe la Prefektejo de Parizo. Mi faris al li 6 demandojn, al kiuj mi petis lin respondi france, por ke mi povu legi lian leteron al mia Belga Komitato. S-ro Tison afable respondis al ĉiuj miaj demandoj per tre longa letero. Mi ja ŝatus transdoni al *Esperanto* la tutan leteron, sed mi opinias, ke eble sufiĉos, se mi donas resumon de la respondo al mia demandaro.

S-ro Tison da certigas: 1e ke la franca lingvo absolute ne sufiĉas por interrilati, letere aŭ telegrame, kun la diversaj fremdaj policoj. Multaj el la fremdaj membroj de la I. E. P. kiuj korespondas kun la francaj membroj konfesis neniel scii la francan lingvon. Kelkaj fremdaj policanoj korespondas france, sed aliaj ĉiam respondas per siaj naciaj lingvoj. Kiam la franca polico volas sendi avertojn al fremdaj policanoj pri « blanka sklaveco » ĝi estas devigata tion fari per administracia vojo, kio necesigas grandan perdon de tempo. Se en ĉiu policoficejo ekzistus almenaŭ unu esperantisto, estus facilege, per la agado de tiu Internacia Policasocio, averti senpere la policanojn fremdajn, eviti la teruran perdon da tempo kaŭzatan per la nuna neceso traduki la telegramon aŭ leteron en la nacian lingvon. S-ro Tison eĉ proponis, ke oni igu oficiala la nunekzistantan Internacian Bultenon, organon de la I. E. P. sed ĝis nun absolute privatan. Por tio estus necese havigi la permeson de la diverslandaj Policestroj kaj internacian monhelpon kvankam la sumo ne estas tre alta. Samtempe estas oportune kuraĝigi, per diversaj rimedoj, la diverslandajn policanojn lerni Esperanton kaj iĝi membroj de la Internacia fako de la Policanaro.

Fine S-ro Tison informis min, ke la Bulteno de la Internacia Policasocio interrilatas kun policanoj en la sekvantaj landoj: Germanujo, Anglujo, Svedujo, Hispanujo, Irlando, Usono, Aŭstrio, Serbujo, Italujo, Nederlando, Belgujo kaj Sud-Afriko; en kvin el tiuj landoj jam ekzistas naciaj policaj grupoj. Inter la Policestroj, kiuj aprobas kaj patronas la I. E. P. S-ro Tison nomis al mi S-ron Lépine la konatan Prefekton en Paris, S-ron Kёttin, Policestron en Dresden, kaj S-ron Fernandez Plano, Policestron en Madrid.

Mi legis tiun interesan leteron al la Belga Komitato, kaj sukcesis prezenti deziresprimon pri la neceso de pli intimaj interrilatoj inter la diversaj policoj de la mondo laŭ la ekzemplo de la Internacia Klubo jam starigita ĉe la Prefektejo en Parizo. Mi ne sukcesis havi voĉdonon rekte favoran al Esperanto. Sed ĉar nia propono estas proponota al la proksima kongreso en Londono, estos tiam eble pli detale klarigi la naturon de la Internacia Policasocio.

A. Richardson (Del. Bruselo).

## NOTOJ

⁂ *La petrolfabrikado de l'mondo.* — En nuna tempo certe estas interese havi informojn pri la antaŭjara petrol-produktado. La tabelon faris la ŝtata Usona informa oficejo. La sumo de l'trovajo en ĉiuj landoj pligrandiĝis escepte tiu de Kanado. La tutgajno ĉirkaŭas pli ol 46 1/2 milionoj da metr. tun., t. e., pligrandigo de 27 milionoj de antaŭa jaro. De tiu sumo Usono liveris preskaŭ 2/3, laŭ la amaso 30 milionojn tun. La pligrandigon de l'trovajo en Usono depost 1910 oni anoncas kun 1.400.000. La 2-an rangon posedas Ruslando kun pli ol 9.000.000 tm. preskaŭ. Tutsaman fabrikadon havas Galicio, Rumanujo kaj Holanda Orienta Indio. Po 1 1/2 000.000 ĉirkaŭas la gajno de oleo tera en tiuj ŝtatoj. Tiujn landojn superis Meksikujo kiu pligrandigis la produktadon ĉ. 4 obla nome de 440.000 je preskaŭ 1.900.000 tun. En la Nordamerikaj ŝtatoj la prezoj estis tre diversaj. Petrolo plej malkara estis en Kalifornio kaj Oklahoma, kiuj kompreneble havis la plej grandvaloran produktadon. Laŭ opinie Kalifornio baldaŭ pli gajnos per la petrolfontoj ol per la orminoj. Malantaŭ Kalifornio estas Illinois, Pensylvania, Texas, Louisiana, Kansas, Colorado, Westvirginia kaj New-York. En la du lastaj ŝtatoj la prezoj estis preskaŭ duoble pli karaj ol tiuj en Kalifornio. Ankaŭ en la elprovo de hejtigo de militŝipoj usonaj per petrolo Usono havis bonan progreson. La plej novaj usonaj militŝipoj estas hejtigataj nur per petrolo. La amason de la hejtita petrolo oni kalkulas je ĉirkaŭ 100.000.000 litroj. — Rob. Kreutz (Frankfurt a. Main).

⁂ *Infana mortado.* — El mil unujaraj infanoj mortas en Rusujo 272, en Aŭstralio 202, en Hungarujo 198, en Germanujo 158, en Italujo 156, en Francujo 143, en Anglujo 121, en Svisujo 108, en Svedujo 77, en Norvegujo 67.

Ne atinginte la aĝon de unu jaro, mortas en diversaj urboj de Eŭropo el 1.000 infanoj: en Moskvo 356, Bukarest 217, Breslaŭ 194, München 192, Marseille 186, Wien 182, Bruxelles 174, Berlin 158, Kopenhag 156, Hamburg 156, London 113, Paris 105, Zurick 95, Amsterdam 95, Stockolm 91. — D. V. (Del. Homel).

⁂ Internacia statistika oficejo jus publikigis interesajn informojn pri loĝantaro de la plej grandaj urboj de Eŭropo.

Jen estas la ciferoj, ricevitaj laŭ plej lastaj statistikaj kalkuloj: *London* 7.400.000, *Paris* 3.600.000, *Berlin* 3.100.000, *Wien* 2.600.000, *Peterburg* 1.950.00o, *Moskvo* 1.800.000, *Hamburg* 1.500.000, *Konstantinopolo* 1.100.000, *Budapest* 900.000, *Liverpool* 840.000, *Napoli* 800.000, *Bruxelles* 760.000, *Milano* 700.000, *Madrid* 630.000, *Roma* 620.000, *Amsterdam* 550.000. — D. V. (Del. Homel).

⁂ *Nacia Kongreso de opa veturado per aŭtomobiloj sur vojoj.* — Tiu Kongreso, precipe grava por la « sezonaj » regionoj, organizita de la Franca Aŭtomobila Klubo, de la Franca Turing-Klubo, de la Sindikataj Ĉambroj de la aŭtomobilaj industrioj kaj de la Komitato de la XIII-a Aŭtomobila Ekspozicio, okazos en Paris de la 18-a ĝis la 21-a de decembro.

⁂ *Pri la Franca Turing-Klubo.* — Ĉiuj konas almenaŭ la nomon de la Franca Turing-Klubo. Je la 30-a de septembro ekzistis 131.403 asocianoj. Estas gajno da pli ol 4.500 membroj kompare kun la nombro de la asocianoj en 1911. La Franca Turing-Klubo estas fondita en 1890 kun 395 membroj. En 1907 la Franca Registaro deklaris ĝin publike utila. Ni deziru al nia U. E. A. saman progreson; tion ni povos atingi per sindonemo de niaj Delegitoj, de niaj Konsuloj kaj de ĉiuj Esperantianoj. — L. P. T.

⁂ *Grandega pordo.* — Oni nun konstruas en Cherbourg la plej grandan pordon, kiu ekzistas, laŭ nia kono, en la tuta mondo. Efektive ĝi estas 18 metrojn alta kaj 38 metrojn larĝa. Ĝi utilos por la ŝipriparbaseno nun konstruata en la arsenalo de Cherbourg. Tiu pordego, kiu kostis pli ol 320.000 Sm. estis fabrikata de la uzinoj Schneider en Le Creusot. — L. P. t.

⁂ *La plej grandaj havenoj de l'mondo.* — Jen, laŭ la *Bureau of Statistics* de la Komerca Fako en Washington la ctato de la Komerca movado (eniroj kaj eliroj) de la dek ĉefaj havenoj de l'mondo.

| | | |
|---|---|---|
| 1. | Nov.-Jorko. . . . . . . . . . | 3.176.000 Sm. |
| 2. | Londono . . . . . . . . . . | 3.140.000 — |
| 3. | Liverpool . . . . . . . . . | 2.902.000 — |
| 4. | Hamburgo . . . . . . . . . | 2.676.800 — |
| 5. | Antverpeno. . . . . . . . . | 1.949.200 — |
| 6. | Marseille . . . . . . . . . | 1.090.000 — |
| 7. | Le Havre. . . . . . . . . . | 1.076.000 — |
| 8. | Buenos-Ayres . . . . . . . . | 854.000 — |
| 9. | Bremen . . . . . . . . . . | 816.800 — |
| 10. | Calcutta . . . . . . . . . | 696.800 — |

Tiuj ciferoj rilatas al la komerca valoro de la import kaj eksportajoj. Se oni konsideras la tunnombron de la ŝipoj, Nov-Jorko konservas la unuan vicon (13. 340.949 t.), sed Hamburgo altiĝas ĝis la dua (12.184.000 t.) kaj Londono okupas la trian (11.194 073 t).

Ni aldonu, ke la komerca ŝiparo entenas 20.087 ŝipojn (pli ol 100 tunajn) el kiuj 7.614 vel. kaj 22.473 vapoŝipoj.

# LITERATURA PAĜO

## TRA
LA
## ESPERANTA LITERATURO

*Gabriel Chavel.* **Pourquoi les postiers doivent apprendre l'Esperanto?** (*Kial la poŝtoficistoj devas lerni Esperanton?*) — Centra oficejo, 51, rue de Clichy, Paris. — Prezo : Sm. 0,10. (Nur Sm. 0,04 mendante dek ekzemplerojn, sendkosto plie.)

Bona broŝuro 40-paĝa disdoninda al la franclingvaj poŝtoficistoj. Eĉ la nepoŝtistoj trovos multe por lerni en ĝia legado. Ekzemple, p. 23 : « La anglaj mandatoj, kiuj envenas Francujon, estas skribitaj sur formuloj *ekskluzive redaktitaj en la lingvo de Shakespeare.* » La angla poŝtadministracio estas vere beletristikema ! — Sur la paĝo 6 mi legis la jenon « Estas nune en Francujo proksimume dek mil esperantistoj pagantaj jaran kotizaĵon de ĉirkaŭe po 3 frankoj al la Franca societo de propagando » se mi bone kalkulas, 10.000 × 3 = 30.000 frankoj. Ho ve! la kalkuloj de S-ro E. Robert ne estas tiel egale kontentigaj !

**El la Domo tie kontraŭa,** originale verkis *Arnold Behrendt.* — Ricevebla de l'aŭtoro, Breslau 16, Maxstr. 22. Prezo Sm. 0,10 (1 resp.-kup.).

Tre kortuŝanta kaj bonstila estas tiu rakonto pri la malsano kaj morto de juna ftizulo. Mi rimarkis nur la malkorektan (pleonasman) vorton *kielmaniere* (p. 6) (*kiel* sufiĉas aŭ : *kiamaniere*). *Rekommenciĝas* p. 13 (rekomenciĝas). En la fina 8-versa poezieto (p. 14) ĉu la versoj 2ª, 3ª, 4ª estas ĝuste akcentitaj ?

*E. Privat.* — **Pri esperanta literaturo,** parolado ĉe la sepa Kongreso en Antverpeno. — Hachette, Paris. Prezo : Sm. 0,30.

Gravajn eltiraĵojn de tiu tre bela parolado jam publikigis « Esperanto » (nº de la 5 okt. 1911 . Mi do ne bezonas ĝin detale recenzi kaj laŭdi. En elokventa maniero, nia talenta samideano montras la neceson kaj gravecon de literaturo en Esperanto. Li pruvas per trafaj ekzemploj la vivantecon de nia lingvo, kiu cetere estas nur bildo de nia vivanta popolo. « Estas ridinde diskuti pri arbitraj ŝanĝoj en bele floranta kaj vivanta lingvo. »

### ALIAJ RICEVITAJ VERKOJ :

*R. de Saussure.* — **Principes logiques de la formation des mots** (1re partie). Genève, Kündig, 11, Corraterie. Prezo (nemontrita). Tre grava scienca verko, nur por teoriemuloj kaj hardistrancemuloj.

*J.-A. Mitchell.*—**La lasta Usonano,** trad. Lehman Wendell, Berlin, Moller kaj Borel. — Prezo : 0,10 Sm.

*Walter Gordon.* — **Kara Panjo,** komedieto en unu akto, trad. GEGO. Paris. Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède. — Prezo : 0,30 Sm. Amuza komedieto, kies heroino estas ĉarma..... bopatrino !

*A. Marich.* — **Skizoj el mia propagandista vivo.** Budapest, La Verda Standardo, IX ulloi-ut 59. Sm. 0.15.

*Tolstoj.* — **Kaŭkaza kaptito.** Trad. F-ino A. N. Ŝarapova. Moskva librejo Esperanto, 26, Tverskaja, Moskvo, Rusujo. Prezo : 0,10 Sm. Drama novelo de l'fama rusa verkisto, vigla bonstila traduko.

*Tolstoj.* — **Tri Mortoj,** trad. M. Ŝidlovskaja. — Presa Esper., Societo, 33, rue Lacépède, Paris. Prezo : 0,16 Sm. Represaĵo de la belaj noveloj, kiuj aperis en *Lingvo Internacia.* Tute rekomendinda.

*Lesage.* — **Ĝil Blas de Santillana,** ĉapitroj elektitaj kaj tradukitaj de Raoul Busquet, Paris, Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède. — Prezo : Sm. 0,50.

« Mi penis por ke eĉ la lernantoj trovu en tiu ĉi libreto tekstojn, kiujn ili povos legi senpene ». La tradukisto sukcesis en sia penado kaj lia verko estas rekomendinda.

**La Biblio.** — dua libro — **Eliro** ; La Biblio — tria libro — **Levidoj,** el la originalo tradukis D-ro Zamenhof. — Paris, Hachette. Prezo (ĉiu volumo) : Sm. 0,80.

**Lernolibro de Esperanta Stenografio,** eldonita de Emil Stark. — Magdeburg, Kaiser Friedrich str. 1. Prezo : Sm. 0,40.

D-ro L. L. Zamenhof. — **Gentoj kaj Lingvo Internacia.** — Esperanto propaganda Instituto, Leipzig (10 spesdeka Biblioteko).

**Vogtlando.** — Memoraĵo je la unua kunveno de Vogtlandaj Esperantistoj (16 majo 1912). — Presejo : Heckners Verlag, Wolfenbüttel 1912. (Prezo ne montrita).

**Poŝtkartoj Esperanto, Paris,** kun klariga teksto en Esperanto. La serio da 12 poŝtkartoj : Sm. 0,22.

El **la Vizaĝo de la Tero,** de Eduard Suess esperantigis Theodor Fuchs, paĝoj 40. — Verlag A. Schœnfeld, Wien IX. Universitætstr. 8.

**Esperanto,** propaganda broŝuro de la Sociedad Cubana para la propagacion del Esperanto. — Habana, imprenta esperantista, 55-56 Neptuno (22 paĝ. broŝ.).

**Oficiala resumo de la teosofia doktrino** — el la franca lingvo trad. Henriette Diou-Trouillon. — Preza esp. soc, 33, rue Lacépède, Paris, 0,08 Sm.

*Sergio Martos.* — **Deziro de la Diakono,** novelo, el la Ukraina lingvo trad. Anatolo Koĥ (kun portreto de la tradukinto). Prezo : 0,15 Sm.

**Resumo de la kurso pri teologio** de kavaliro Le Clément de Saint-Marq, trad. Stas, sekretario de « Esperanta psikistaro ». Prezo Sm. 0,08. Anvers (1912).

**La verda kakatuo,** unuakta groteskaĵo de Arturo Schnitzler, trad. Joh. Schrœder, Wien, 1912. Prezo : Sm. 0,75.

*Era.* **Raporto pri la Sepa Kongreso,** eltirita el Lingvo Internacia. — Paris, Presa esp. soc., 33, rue Lacépède. 0,30 Sm.

**Sepa Universala Kongreso.** Paris. Esper. Centra oficejo, 51, rue de Clichy. Prezo 1,20 Sm.

**Karaktero,** laŭ M. J. M. Van Stipriaan Luiscius, trad. de l'nederlanda originalo. Hago 1912 — librejo « Espero ». Prezo : 0,20 Sm.

**Lernolibro por Litovoj,** de S. Tijunajtis eldonita de S. Kazimire Societo.

*Tohtori L. Zamenhofin* **Kansainvælinen Apukieli Esperanto,** kirjottanut H. Salokannel. Painettu 1911. Raittius-Kansan kirjapainossa. Helsingissa.

**Kolekto de figurajoj** por la instruado de lingvoj (itala, franca, germana, angla) trad. de Henriko Fridori, jedes Heft 0,20 Sm. Zürich, Verlag : art. Institut Orell Füssli. — Paris, Fishbacher. — London, Hachette and Company.

VERTO.

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

Li do estis feliĉa? Mi demandis. Ho, mi dezirus, ke mi ree estu tia! Tiam estis al mi tiel bone, tiel gaje, tiel facile, kiel al fiŝo en akvo! — Henriko, vokis maljuna virino, kiu venis laŭlonge la vojon, Henriko, kie vi estas, ni serĉis vin ĉie, venu por manĝi! — Ĉu tiu estas via filo? mi demandis. Jes, mia malfeliĉa filo! ŝi respondis. Dio surmetis al mi pezan krucon. Kiom da tempo li estas tia? mi diris. Tiel kvieta, ŝi diris, li nun estas duonjaron. Al Dio estu danko! ke li nun estas tia, antaŭe li estis furioza tutan jaron, tiam li estis katenita en la frenezulejo. Nun li faras al neniu ion, li nur estas ĉiam okupita pri reĝoj kaj imperiestroj. Li estis tiel bona kvieta homo, kiu helpis min nutri, skribis belan manon, kaj per unu fojo li fariĝas melankolia, estas atakata per forta febro, poste per frenezeco kaj nun li estas tia, kia vi lin vidas. Se mi devas rakonti al vi, sinjoro. — Mi interrompis la fluon de ŝiaj paroloj per la demando: Kia tempo estas tiu, pri kiu li gloras, ke li estis tiel feliĉa, tiel bonfarta? La malsaĝa homo! ŝi ekkriis per kompatema rideto, li opinias la tempon, kiam li estis senkonscia; tio estas la tempo, kiam li estis en la frenezulejo, kiam li sciis nenion pri si. — Tio tuŝis min kiel fulmotondro; mi premis moneron en ŝian manon kaj rapidante forlasis ŝin.

Kiam vi estis feliĉa! mi ekkriis rapide irante al la urbo, kiam vi estis bonfarta kiel fiŝo en akvo! — Dio en la ĉielo! Ĉu tion vi faris sorto de la homoj, ke ili ne estas feliĉaj, antaŭ ol ili akiras la prudenton kaj kiam ili perdas ĝin! — Mizerulo! kaj ankaŭ kiom mi envias vian melankolion, la konfuzon de viaj sentoj, per kiu vi konsumiĝas! Vi eliras esperante por kolekti florojn al via reĝino — en vintro — kaj funebras kiam vi ne trovas kaj ne komprenas, kial vi ne trovas. Kaj mi — mi eliras sen espero, sen intenco kaj reiras hejmen, kiel mi venis. – Vi supozas, kia homo vi estus, se la ĝeneralaj ŝtatoj vin pagus. Feliĉa kreajo! kiu povas atribui la mankon de sia feliĉeco al tera malhelpo. Vi ne sentas! vi ne sentas, ke en via detruita koro, en via ruinigita cerbo sidas via mizero, de kiu ĉiuj reĝoj de la tero ne povas helpi vin.

Devu senkonsole perei tiu, kiu mokas pri malsanulo, kiu vojaĝas al la plej malproksima fonto, kiu pligrandigos lian malsanon, faros pli dolora lian elvivadon! kiu sin levas super la premita koro, kiu por forigi la konsciencriproĉojn kaj la suferojn de l'animo, faras pilgrimiron al la sankta lando! Ĉiu paŝo, kiu tratranĉas liajn plandojn sur nekonstruita vojo, estas kvietiga guto de la timigita animo kaj post ĉiu elportita tagvojo la koro kuŝiĝas pli malpeza je multaj premegoj. — Kaj ĉu vi rajtas nomi tion iluzio, vi vortserĉistoj sur viaj kusenoj? — Iluzio! — Ho Dio, vi vidas miajn larmojn! Ĉu vi, kiu kreis la homon sufiĉe mizeran, devis aldoni al li ankaŭ fratojn, kiuj forrabas al li tiun malmultan mizeron, tiun malmultan konfidon, kiun li havas al vi, vi ĉionamanto! Ĉar la konfido al saniga radiko, al la larmoj de la vinberujo, kio ĝi estas se ne konfido al vi, kiu metis en ĉio nin ĉirkaŭanta sanigajn kaj kvietigajn fortojn, kiujn ni tiom bezonas ĉiuhore? Patro, kiun mi ne konas! Patro, kiu alitempe plenigis mian tutan animon kaj nun deturnis sian vizaĝon de mi! Venigu min al vi! Ne silentu pli longe! Via silentado ne retenos tiun sopirantan animon. — Kaj ĉu homo, patro povus koleri, al kiu lia nesupozite revenanta filo sin ĵetas al la kolo kaj vokas: Jen mi ree estas, mia patro! Ne koleriĝu, ke mi interrompas la marŝadon, kiun mi devus toleri pli longe laŭ via volo. La mondo ĉie estas sama; pripensado kaj laborado, rekompenco kaj ĝojo; sed kion utilas tio al mi? Mi nur troviĝas bone, kie vi estas kaj antaŭ via vizaĝo mi volas suferi kaj ĝui. Kaj vi, kara ĉiela patro, forpelus lin de vi?

La 1-an de decembro.

Vilhelmo, la homo, pri kiu mi skribis al vi, la feliĉa malfeliĉulo, estis skribisto ĉe la patro de Ĥanjo, kaj pasio je ŝi, kiun li nutris, kaŝis, malkovris kaj pro kiu li estis forsendata el la ofico, igis lin freneza. Sentu, ĉe tiuj ĉi sekaj paroloj, per kia frenezeco min tuŝis tiu historio, kiam Alberto rakontis ĝin al mi same trankvile kiel vi eble legas ĝin.

La 4-an de decembro.

Mi petas vin. — Vidu, mi estas pereonta, mi ne portos ĝin pli longe! Hodiaŭ mi sidis ĉe ŝi — sidis, ŝi ludis fortepianon, diversspecajn melodiojn kaj ĉiu la esprimo! Ĉiu! — Ĉiu! — Kion vi deziras? — Ŝia fratineto vestigis sian pupon sur mia genuo.

Al mi la larmoj venis en la okulojn: mi kliniĝis, ekvidis ŝian edzecan ringon — miaj larmoj fluadis. — Kaj per unu fojo ŝi ekkantis la malnovan ĉielan melodion, per unu fojo, kaj tra mia animo iras konsola sento kaj rememoro pri la tempoj, kiam mi aŭdis la kanton, pri la malĝojaj intertempoj, pri la ĉagreno, pri la malprosperintaj esperoj kaj tiam. — Mi iris tien kaj reen en la ĉambro, mia koro sufokis per la alsono. Pro Dio, mi diris kun forta ekkolero turnante min kontraŭ ŝin, pro Dio ĉesu! Ŝi interrompis kaj rigardis min rigide. Werther, ŝi diris kun rideto, kiu penetris mian animon, Werther, vi estas tre malsama, viaj preferaj manĝaĵoj naŭzas vin. Kuraĝo! Mi petas, kvetiĝu! Mi forŝiris min de ŝi, kaj – Dio! vi vidas mian mizeron kaj finos ĝin.

La 6-an de decembro.

Kiel la fantomo min persekutas! En maldormo kaj sonĝo ĝi plenigas mian tutan koron! Tie ĉi, se mi fermas la okulojn, tie ĉi en mia frunto, kie la interna vidkapablo kuniĝas, staras ŝiaj nigraj okuloj. Ĉi tie! mi ne povas esprimi ĝin al vi. Kiam mi fermas la okulojn, ili ĉeestas; kiel maro, kiel abismo ili ripozas antaŭ mi, en mi, plenigas la sentojn de mia frunto.

Kio estas la homo, la glorata duondio? Ĉu ne mankas al li la fortoj, kie li bezonas ilin plej necese? Kaj se li levas sin en ĝojo aŭ alfundiĝas en sufero, ĉu en ambaŭ li ne estas retenata ĝuste tie, ĝuste tie estas reportata al la sensenta, malvigla konscio, kie li sopiris perdiĝi en la abundo de la senfino?

## LA ELDONANTO AL LA LEGANTARO

Kiom mi dezirus, ke estu al ni restintaj tiom da manuskriptoj pri la lastaj rimarkindaj tagoj de nia amiko, ke mi ne bezonu interrompi per rakonto la sekvon de la postlasitaj leteroj.

Mi penis kolekti precizajn sciigojn el la buŝo de tiuj, kiuj povis esti bone instruitaj pri lia historio, ĝi estas simpla kaj ĉiuj rakontoj pri ĝi akordiĝas escepte kelkaj malgravaĵoj; nur pri la karakteroj de la agantaj personoj la opinioj estas malsamaj kaj la juĝoj diversas.

Kio restas al ni alia ol rakonti serioze tion, pri kio ni povis sciiĝi per oftaj klopodoj, intermeti la leterojn postlasitajn de la mortonto kaj ne opinii malgrava la plej malgrandan trovitan folieton, precipe tial ke estas tiel malfacile malkovri la karakterajn verajn motivojn de nur unu ago, kiam ĝi fariĝas inter homoj, kiuj ne estas ordinaraj.

*(Daŭrigota).*

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Milano*. Esp.-ianoj fondis novan Esp. rondon. Prez. : D-ro Filipetti. Vicprez. : O. Bünemann. Sekr. : E. Violi. — V. C.

*Valence* (Drôme., Franc.). Nova grupo sub nomo « Nova Stelo ». — E. G.

*Varsovio*. En la junula rondo « Ero » fondiĝis speciala virina fako, kies prezidantino estas F-ino Nachtenstein.

*Dresden*. Reprezentantoj de preskaŭ ĉiuj Dresdenaj grupoj decidis fondi lokan ligon de la Dresdenaj Esp.-grupoj.

**Novaj Kursoj.** — *Olomouc* (Moravio). Okazas tri kursoj: unu por komencantoj (S-ro Rudolf, Petr.), unu por progresantoj (S-ro A. Neuzil), unu en la Klubejo (S-ro Fr. Chmel). - R. P.

*Kaposvar* (German.). Kurso de S-ro Ronai en la Komunuma burĝa lernejo ; 3o lernantoj. — A. J.

*Hemsbach* (German). Kurso de D-ro Mulert en la « Edukejo ». — D. M.

*Ufa* (Rus.). Nova kurso gvidata de S-ro V. Zavjalov (34 lernantoj). — N. F.

*Schveringe* (Nederlando). Nova kurso por tramistoj.

*München*. La Propaganda Ligo Parkurbo Esperanto antaŭ nelonge malfermis Esp. Kursojn, kiujn gvidas S-ro Devjatnin laŭ natura metodo ; 30 lernantoj, S-ro Devjatnin, tute ne sciante germanan lingvon, sukcese instruas Esp , al personoj ne komprenantaj lian nacian (rusan) lingvon. Ankaŭ la grupo, la societo kaj la laborista grupo instruas multajn lernantojn.

*Asĥabad* (Azia Rus.). Nova kurso de S-ro Starosjelskij.

*Innsbruck*. — Nova kurso en la salono de la universitato. — G. E.

En *Pékin* (Ĥinujo) du kursoj : komenca kaj supera, entute 120 kursanoj.

En *Shanghaï* (Ĥinujo) Oni funkciigas kurson en Alta lernejo 60 lernantoj.

En *Giase* (Chekiam, Ĥinujo) kurso kun 30 anoj.

En *Wuchan* (Ĥinujo), kun 90 anoj.

**Paroladoj.** — En *Londono*, S-ro Epstein, Del.. faris sukcesajn paroladojn pri U. E. A., ĉe la Londonaj Kluboj, ĉe la Wood Green Klubo kaj antaŭ la Mildmay Klubo.

**Paroladvojaĝo pri Praha.** — S-ro Prof. A. Pitlik forveturos el Praha la 15 decembro kaj tra Braunschweig (18) kaj Lille (22) vizitos Britujon, kie li organizos siajn paroladojn dum januaro ; dum februaro li vizitos Belgujon, Francujon, francan Svisujon kaj Hispanujon, dum marto Italujon kaj Germanujon, dum aprilo Danujon, Svedujon, Norvegujon kaj Rusujon, dum majo Hungarujon kaj Balkanujon. Adreso : Prof. A. Pitlik, Janskij vršek 3, Praha.

**Kunvenoj kaj Festoj.** — *Lyon*. La 5 nov., Lyon'a Esp. Klubo elektis novan komitaton : Prez. D-ro Augros, Vicprez. J. Cloupet, sekr., A. Paillet. La L. E. K. organizis kvar kursojn.

*Zittau* (German.). La Del., kaj Esp.-ianoj de Hirsfelde, Reichenau, Grosschonau, Seifhennersdorf, Neugersdorf, Warnsdorf, Abergrund, k. t. p., estas petataj ĉeesti la amikan kunvenon, kiu okazos en jan.,1913 ĉe Hotelo Vinberaro. Oni skribu al S-ro Kœnig, Friedlandstr, 13.

*Boxtel* (Nederland). La 3 nov. okazis sukcesa, propaganda vespero de la Nederlanda Katolika Esp. Ligo. S-roj pastroj H. Linnebank kaj L. Poell paroladis. Fondiĝis Unuiĝo, je kiu aliĝis 70 personoj. Ekspozicio estis aranĝita. Tri kursoj estos malfermataj.— H. H.

*Dresden*. La fondiĝfesto de la Societo Esperanto okazos la 19 januaro.

*Cleveland*. Sukcesa kunveno de la klubo (6 nov.) kun parolado de S-ro Buuck pri Esp.

*Bern*. La grupo vigle laboras por la bona akcepto de la samideanoj ĉe la antaŭkongreso 1913. Multaj komercistoj kaj hotelistoj de nun lernas nian lingvon.

*Kearney* (Nebraska). Kun plej granda sukceso okazis la Kristana Celada Unio, kun Esperanta diservo ; pli ol 300 partoprenantoj. La movado konstante kreskas ĉe la kristanaj Celadistoj. — Ch. P. L.

*Paris*. — La Esperantianoj tagmanĝas ĉiuĵaŭde en restoracio L'Esperance (73, avenue de la Grande-Armée), kun la nova Del., S-ro Camescasse.

## DIVERSAĴOJ

.˙. *Sukcesoj de Esperanto en Brazilujo*. — La registaro de ŝtato Sergipe sankciis la novan regularon de la publika instruado, ĵus aprobitan de la deputata ĉambro. Ĝi permesas la instruadon de Esperanto en la Normala Lernejo kaj Atheneo Sergipense, kaj la kursoj estos farataj de profesoroj pagitaj de la registaro. Bela imitinda ekzemplo !

Aliparte la 2ª Brazila Kongreso de Instruado okazinta en Bello Horizonte ĉefurbo de ŝtato Minas Geraes, esprimis deziron, ke Esperanto estu prove instruata en ĉiuj lernejoj de la Respubliko. — B. E.

.˙. *Gvidlibroj*. — *Los Angeles, Kalifornio*, la urbo kaj la graflando, estas la titolo de nova belega Esperanta gvidlibro, riĉe ilustrita, kiun eldonis la bonkonata tiea Komerca Ĉambro. En 64 paĝoj bonege presitaj tiu libreto konigas la legantojn kun la diversaj mirindajoj de Los Angeles kaj de Kalifornio, por kiuj nia peresperanta paroladisto, S-ro Parrish, jam propagandis tra tuta Eŭropo dum la lasta kaj ĉi tiu jaro. Ni gratulas la Komercan Ĉambron de Los Angeles pro ĝia imitinda iniciato.

.˙. *Esperantistoj socialistoj*. — Ĉe la granda propaca manifestado okazinta en Parizo la 17. nov. ĉeestis pli ol 100 samideanoj grupigitaj ĉirkaŭ la standardo de E. S. F. I. O., la nova socialista franca Esp. organizajo. — E. S.

.˙. *Esperanto ĉe la Kazernoj*. — Nia Del. en Mainz (German.) komunikas ál ni la jenan amuzan okazintajon :

« Juna Mainzano plenumis sian militservon en ia Rejna Husara Regimento, 5ª skadro ; li tre ofte korespondis kun rusaj studentoj, sed pro manko de tempo li devis ĉesi kaj skribis al sia amiko S-ro Sp. en Mainz, ke li daŭrigu la korespondadon. S-ro Sp. jese respondis, sed anstataŭ al la 5ª skadro, li skribis erare al la 4ª. La leteron ricevis samnoma Husaro B..., kiu ne sciis Esperanton kaj transdonis la leteron al sia suboficiro. Tiu ĉi ne estis pli saĝa, deĉifris nur la vortojn « rusaj studentoj », suspektis ian spionajon, kaj transdonis ĝin al leŭtenanto, kiu ankaŭ ne sciis Esp. kaj serĉis ĉu ne estas alia husaro B. en la regimento. Ho ve ! en la 5ª estis Hus. B. el Mainz, nia samideano, kiu estis alvokita en la ĉambron. » Vi faris spionaĵon per rusaj studentoj, diris al li la leŭtenanto, vi estas arestata, malfermu vian ŝrankon », kaj li tre severe demandis, kio estas tiuj skribajoj en tre stranga lingvo. Hus. B. nun ridetis kaj klarigis, ke tio estas senkulpiga korespondo en Esp. La leŭtenanto alportis la skribajojn al la komandanto, kiu sendis la leŭtenanton al la Del. de U. E. A. por traduko. La Del. atestis la verecon kaj donis klarigojn pri Esp. Fine Hus. B. estis antaŭ la tuta Regimento vokita de la Komandanto, kiu diris « Vi ne estas spiono, lernu vi diligente la belan lingvon, kiam vi havas tempon, mi ĝojas, se ni havus pli multe da tiaj soldatoj, kiuj lernus lingvojn ! » Tiel Esperanto estis konigata al la tuta Regimento dank'al falsa adreso ! »

.˙. *Kontentiga praktika uzado de Esperanto*. — La Dresden'a firmo *E. Neumann & Co.* fabriko de kostumoj, kotilo-

najoj, iluminaj kaj dekoraciaj artikoloj kun speciala fako por Esperantajoj (Esperantia Entrepreno) povis en Oktobro festi la 25-jaran jubileon. Okaze de la festo la firmo ricevis de siaj esperantaj klientoj en la tuta mondo multajn gratulajn sendaĵojn, kiuj pruvis, ke la rilatoj, ligitaj de la firmo per Esperanto estas multaj kaj por ĉiuj partoj agrablaj. Kiel granda estas la rolo, kiun ludas Esperanto en la firmo E. Neumann & Co oni detale eksciis el parolado, farita de S-ro Ræmpfe, komercisto ĉe la nomita firmo, en la monata kunveno de Societo Esperanto Dresden. La parolanto raportis, ke lia firmo en la daŭro de eble unu jaro ricevis proksimume 500 mendojn, ofte sufiĉe gravajn, kaj preskaŭ ne kalkuleblan nombron da demandoj pri katalogoj, kiujĉiam en pli granda formato estas triafoje eldonitaj; en la speciala fako pri Esperantaĵoj laboras 9 oficistoj, kiuj scias Esperanton, aliaj nun partoprenas en la instruado ĉe Societo Esperanto Dresden. Eĉ unu el la posedanto de la firmo E. Neumann & Co, S-ro A. Becker estas Esperantisto. — La firmo E. Neumann & Co, kiu dum 25 jaroj el tre malgrandaj komencoj evoluis ĝis sia nuna graveco, per Esperanto antaŭeniras al ankoraŭ multe pli granda graveco en internaciaj rilatoj, ĝi estas sur bona vojo kaj meritas subtenon de la Esperantistoj, speciale ankaŭ por atentigi aliajn firmojn je la profitoj akireblaj ankaŭ por ili per la aplikado de Esperanto kaj per la aliĝo al U. E. A. kiel Entrepreno. — J. K.

∴ *Pacon per Esperanto.* — Dum la Kongreso de Paco en Genève, 15 Esperantistoj, anoj de la Kongreso, el 6 diversaj nacioj, alprenis la jenajn rezoluciojn :

« 1) Estu fondata nova Societo sub la titolo *Pacon per Esperanto, Societo Esperantista por la Paco.*

« 2) Tiu Societo akceptu, almenaŭ provizore, minimuman kotizon de 1/2 Sm.

« 3) La Komisio, jam elektita en tiu celo, de la pacifistoj, anoj de la Sesa Universala Kongreso (Washington, 1910), kaj konsistanta el S-roj Felix Moscheles, 80, Elm Park Road, London (Britujo); Gabriel Chavet, 51, rue de Clichy, Paris (Francujo); D-ro H. Arnhold, 20, Waissenhausstrasse, Dresden (Germanujo) zorgu, kiel eble plej frue, pri la verkado de projekto de Regularo kaj pri la varbado de la unuaj anoj, ĉiu en sia lando. »

Sekve de tiuj rezolucioj, la Esperantistoj, kiuj interesiĝas pri pacifismo, estas petataj sendi al unu el tiuj tri samideanoj, siajn kotizojn (0.50 Sm.) kaj siajn sugestiojn pri la projektita Regularo.

∴ *Biero Esperanto.* — Fame konata Munĥena bierfaristo S-ro Jos. Sedlmayr aligis sian firmon al U. E. A. kaj nun preparas apartan specon de biero, kiu estos nomata « Biero Esperanto ». La konformaj esperantaj etiketoj por la boteloj nun jam estas presataj.

## TRA LA GAZETARO

∴ *La Du Stetoj*, oficiala organo de Ĉila Esp. Asocio, kuniĝis kun *Esperanta Penso* en unu sola gazeto.

∴ *Esperanto-Propaganda* estas la nomo de nova propagandfolio eldonata de la Parkurbo Esperanto, München.

∴ *Suno Hispana* rekomencos aperi en januaro 1913. Red : Colon 26, Valencia. Abono : 1,188 Sm.

∴ Notoj pri U. E. A., okaze de ĝia financa reformo aperis en *La Revuo, Espero Katolika, Germana Esperantisto, Germana Esperanto-Gazeto, Mitteilungen* (Dresden); *Aŭstria Esperantisto, Ondo de Esperanto*, k. t. p.

∴ Favoraj artikoloj kaj notoj aperis en la jenaj gazetoj : *Goslarsche Zeitung*, 5 nov.; *Der Bund*, 5 nov.; *Lübeckische Anzeigen*, 6 nov.; *Markischer Sprecher*, Bochum, 4 nov.; *Flensburger Nachrichten*, 6 nov.; *Eisenacher Zeitung*, 7 nov.; *Schweizer Hotel Revue*, 9 nov. (respondo al artikolo pri Ido); *Potsdamer Zeitung*, 7 nov.; *Grazer Tagblatt*, 9 nov.; *Politisches Tageblatt*, Aachen, 10 nov.; *Reichspost*, Wien, 9 nov.; *Frankfurter-Oder-Zeitung*, 12 nov.; *Markischer Sprecher*, Bochum, 13 nov.; *Ulmer Tageblatt*, 13-14 nov.; *Eisenacher Zeitung*, 12 nov.; *Braunschweigische Landeszeitung*. 13 nov.; *La Suisse*, Genève, 25 nov.; *L'Express de Genève*. *Concordia*, *Antverpen, 16 nov.*; *La Gaceta de Melilla*, artikolo de S-ro F. Redondo.

∴ *Werdauer Tageblatt* daŭrigas regule aperigi Esperanto-angulon.

∴ *Gummersbacher Zeitung*, 30 okt., enpresis longan artikolon pri Esp. kaj Esperantismo.

∴ *La Riposte des Ardennes*, 31 okt, 14 nov., aperigas Esp. Kronikon de Max Roub.

∴ *Schlesisches Tageblatt*, Schweidnitz, 10 nov., enpresis artikolon en Esp., pri Esp. kaj polico, kun germana traduko.

∴ *Deutsche Warte*, Berlin, 19 nov., entenas artikolon de J. Schmid pri « Unueco de lingvo kaj unueco de formato »; la sama n-o enhavas artikolon en Esp.

∴ Recklinghauser Zeitung, Berlin, presigas Esp. lecionojn.

∴ Dum la jaro multaj Venezuelaj gazetoj enhavis favorajn artikolojn de S-ro Maldonado, Del. Caracas.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Interkonsento kun naciaj societoj.** — La interkonsento de U. E. A, kun la naciaj Esperantistaj societoj estas ĝis nun oficiale akceptita de la jenaj societoj, kiuj konforme al ĝi elektis reprezentantojn ;

*Bohema Asocio Esperantista*, S-ro Vojtech Kraus.

*Centra Dana Esperantista Ligo*, S-ro Astrid Rasmussen.

*Franca Societo por propagando de Esperanto*, S-ro Rollet-de-l'Isle.

*Rumana Esperantista Societo*, S-ro D. Constantinescu.

**Propagandaj folioj pri U. E. A.** — Ni anoncas al niaj Del. kaj membroj, ke ni jus aperigis novan eldonon de niaj nacilingvaj propagandaj folioj : *La internaciaj rilatoj. Kiel ilin faciligi ? Kiel ilin plimultigi ?* Tiu okpaĝa folio laŭ Mondformato enhavas la necesajn klarigojn pri U. E. A., elmentojn de Esperanto kaj aliĝilon. Ĝi estas rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj. Por faciligi ĝian akiron ni plimalaltigis ĝian prezon, kiu nun estas : *10 ekz. 10 sd.*, (25 ct), *100 ekz. 70 sd.* (1 fr. 75). Aperis ĝis nun la eldonoj en lingvoj *angla*, *franca* kaj *germana*. Oni laŭvole povas mendi malsamlingvajn.

**Distriktoj.**

Laŭ petoj, la C. O. de U. E. A., reviziis la aranĝon kaj konsiston de la britaj distriktoj. Tiu laboro estis komisiita al S-ro H. A. Epstein, konsul-sekretario de U. E. A., en Londono, kiu ĝin plenumis post enketo ĉe la britaj distriktaj delegitoj.

Jen la nova dismeto de la anglaj graflandoj laŭ la distriktoj de U. E. A. :

*Nord-Okcidenta*, Cumberland, Westmoreland, Lancashire ;

*Nord-Orienta*, Northumberland, Durham, Yorkshire ;

*Centro-Norda*, Cheshire, Derby, Nottingham, Lincoln, Shropshire, Stafford, Leicester, Rutland.

*Centro-Suda*, Hereford, Worcester, Warwick, Northampton Monmouth, Gloucester, Oxford, Buckhingham.

*Orienta*, Huntingdon, Cambridge, Norfolk, Suffolk, Bedford, Essex.

*Sud-Okcidenta*, Cornwall, Devon, Somerset, Dorset, Wilts, Hampshire.

*Sud-Orienta*, Berkshire, Surrey, Sussex, Kent.

*Londono kaj Ĉirkaŭaĵoj*, Londono, Middlesex, Hertford kaj kelkaj ĉirkaŭaĵoj ĉe la limoj de Essex, Kent kaj Surrey.

*Kimrujo*, *Skotlando*, *Irlando*.

